

# PENSEO

N-ro 213

jul. / 2009

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski, 1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 20-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm

## Ŝanco

**Gao Haitao**

Ar profunde dormis en sia propra luksa litĉambro. Li nun povas vivi kvazaŭ en paradizo, ĝuste ĉar li estas milionulo, kiu posedas tiel multe da riĉaĵo, pro tio, ke li neniam forlasas ĉiun ajn ŝancon.

Noktmeze, li vekiĝis de stranga sono, kiu verŝajne venis el la studejo. Li tuj ellitiĝis, kaj pere de la fendeto inter pordo kaj kadro, rigardis eksteren sekrete.

En mallumo fulmis fasko da blanka lumo, ŝajne el elektra torĉo. En lia zorgema pririgardo aperis homa figuro, kiu malfermis murŝrankon kaj pririgardis la tirkestojn de la tablo. En tiu tempo, tiu, kiu faras tion, certe estas neniu alia ol ŝtelisto.

Li deprenis la ĉaspafilon de la muro kaj levis ĝin. Subite li puŝmalfermis la pordon, ŝaltis la lampon, eligis ekkrion — ĉiuj movoj okazis preskaŭ en la sama momento.

“Kiu? Ne moviĝu, alie mi pafmortigos vin!”

En la helbrila ĉambro, li vidis ĉifonitan viron kun velkĝinte malgrasa mieno, kiu konfuzite levis alten siajn manojn, petante, “Bonvole ne pafu. Mi kapitulacas!”

“De kie vi eniris?”

“Mi perforte malfermis tiun fenestron.”

Peco da vitro batrompiĝis. Ŝajnis, ke li deprenis ŝlosilon tie.

“Kiu vi estas? Kion vi faras?”

“Mi estas ŝtelisto. Pardonu min! Mi ankoraŭ ne sukcesis ŝteli ion. Se vi min kredas, kontrolu min.”

“Ne, tio estas nepardonebla. Oni devas akiri monon per sia diligenta laboro. La penso pri senlabora rikoltado estas malestiminda. Tial, mi plej malŝatas impostejon kaj ŝtelistojn. Mi volas transdoni vin al la polico.”

Singardeme prenante la pafilon, li etendis sian liberan manon al la telefono. En lia vido, la ŝtelisto, kun kompatinda mieno, pene petegis, genuante sur la planko.

“Aĥ, aĥ, bonvole pardonu min ĉifoje!”

“Neniel! Ulaĉo kiel vi tute devas enprizoniĝi unu fojon!”

“Fak…te, ĝis nun mi jam enprizoniĝis kelkajn fojojn. Se mi denove estos sendita en prizonon, tio estos krimo plus krimo. Mi timas, ke estas tre malfacile por mi elprizoniĝi. Poste, mi certe ŝangos kaj reformos min, por ke mi ne plu faru malbonojn kaj fariĝu utila homo. Bonvole pardonu min!”

“Ke vi estu utila homo, tio estas bona!”

“Se vi pardonus min, mi faru kion ajn vi volus!”

La ŝtelisto koutouis senĉese por peti pardonon. Post iom da pripensado, Ar pridemandis, “Ĉu vi povas fari kion ajn?”

“Certe. Kion ajn vi ordonos. Bonvole diru al mi.”

“Tie, vi malfermu la monŝrankon tie.”

Montrante la grandan monŝrankon ĉe la angulo de la ĉambro, Ar serioze eligis tiun frazon. Ekrigardinte ĝin, la ŝtelisto skuis sian kapon embarasite.

“Tio… ne eblas. Tion mi ne faris. Precipe mi ne scipovas, kiel ĝustigi la kodon. Se vi volas ripari ĝin, bonvole venigu ripariston. Mi ne taŭgas por tio.”

"Vi tre taŭgas! Mi diru al vi la kodon kaj la metodon de malfermado."

"Sed… kial lasu min fari tion, mi ne komprenas."

"Ne parolu pri kompreno aŭ nekompreno. Faru laŭ mia ordono. Kompreneble, ankaŭ mi konsentas, se vi ne volas fari. Surloke mi pafrompos al vi la kruron, kaj poste mi alvokos policon. Kiel pri tio?"

"Mi komprenas, mi obeas. Sed, mi ĉiam sentas, ke la etoso estas iom stranga…"

Grumble murmurante, la ŝtelisto, laŭ instrukcio de Ar, ĝustigis la kodon, kaj je lia ektiro, malrapide malfermiĝis la pordo de la monŝranko, kie amasiĝis multaj paperaj pakaĵoj. Ar donis la jenan ordonon: "Malvolvu unu pakaĵon por rigardi!"

"Jes. Aĥ, ĉu ĝi ne estas stako da monbiletoj?"

"Nun mi donacu al vi unu monbileton el ĝi. Prenu ĝin."

"Ĉu mi kredas miajn orelojn?"

"Estu senceremonia. Uzu ĝin kiel vojaĝpagon, kaj rapide foriru, ju pli foren, des pli bone. Sed ne plu promenu ĉirkaŭ ĉi tiu loko!"

La ŝtelisto montris nekredeble panikemon.

"Kiel bonkora vi estas! Vi ne nur donas al mi pardonon, sed ankaŭ vojaĝpagon…"

"Ne babilaĉu! Tuj for!"

La ŝtelisto senzorge kaj senĝene elkuris el la fenestro. Post nelonge, Ar translokis la enhavon de la monŝranko sur la tegmenton, metis la ĉaspafilon al la antaŭa loko, ŝirrompis la draton de telefono, kaj rapidis al la publika telefono, per kiu li alvokis la policon.

"Ĵus mia domo estas ŝtelita. Pro minaco de armilo de krimulo, mi diris al li la metodon malfermi la monŝrankon…"

Post nelonge li faris detalan priskribon al la alveninta policano.

"La fingrospuro, mi pensas, ne eblas malaperi. Ĉio restas kiel antaŭe, kiel vi vidas. La mono, kiun mi reprenis el la banko hodiaŭ, estas tute ŝtelita."

"Ŝajnas, ke la perdo estas tre granda. Tre bedaŭrinde!"

Vidante, ke la policano montras simpation, Ar sagace diris, "Tamen… je via oportuno, mi volas ricevi atestilon pri ŝteliteco. Mi aŭdis, ke ĝi estas necesa por redukti imposton…"

elĉinigis **Hongjia**

# Ĉineske

## Cindy Mckee (Usono)

### Kiu viktimo?

—laŭ ĉinesko Dingfengbo*

vi venas sen pasporto
nevivpova aborto
de patrujo forvelka
kelka
Nenombrita eksporto

ĉi tie nur ĝenkvanta
vanta
kiel subŝua cimo
amaso da malhomo
Nomo—
alia krom viktimo

**Dingfengbo (subigo de ŝtormo): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun 5 kaj 6 versoj respektive de 7,7;7,2;7 / 7,2;7;2;7 laŭ rimaranĝo aabba / ccdeed*

### Dankon!

—laŭ ĉinesko Chaozhongcuo*

sekfluis puna vundo
sekco en grundo
mi estis dezerto
Okazis inundo

pluvo nutris
min kurace
amabundo
via vivigis min

Dankon pro fekundo

**Chaozhongcuo (pedanta klerulo): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun 4 kaj 5 versoj respektive de 7, 5,66/444,66 laŭ rimaranĝo a,a,xa/xxa,xa (x=senrima)*

## Al Jakvo

(al mia kunbatalanto, kiu estimas la ĉineskon)

—laŭ ĉinesko Wanghaichao*

Griza knabo
revante en
via Antverpeno
Elpaŝas vi
interŝanĝas
revojn por agpeno
en mondareno
Nehaltigebla
fenomeno
malgraŭ batoj
kaj malica veneno

Flandra indiĝeno
inda flamulo
SAT-gangreno
vi batalas
ĝin bruligas
ĝis nulaparteno
ĉe virtkunveno
Proletfleg-penso
daŭra treno
tra kapo kaj
fajro en abdomeno

**Wanghaichao (rigardo al martajdo) : ĉina fiksforma poemo el du strofoj po 11 versoj de 446,446,5,54,47 / 6,54,446,5,54,47 silaboj laŭ rimranĝo xxa,xxa,a,xa,xa / a,xa,xxa,a,xa,xa (x=senrima)*

## Hundo sur ĉeno

—laŭ ĉinesko Huanxisha*

Vi palpas ĝin viscere
vualas vin ekstere
Li vundus vin severe

se penso eĉ emanus.
Estiĝas efemere
memeco. Pasis, vere.

**Huanxisha (silk-lava rojo): ĉina fiksforma poemo el du strofoj po 3 versoj de 7 silaboj laŭ rimaranĝo aaa / xa,a (x=senrima)*

## Impulso de Dio

—laŭ ĉinesko Kuxiangsi*

Eksplodiga preludo
tamburis novludo
La tempo estas aludo
al dia inkludo
de nia konkludo

Universa etudo
Finala apudo
Postsone forfadas studo
Okazos eksudo
Karbona vivkrudo

*Kuxiangsi (produnda sopiro): ĉina fiksforma poemo el du samaj strofoj kun 8 versoj de 7,33,8,33,33 laŭ rimaranĝo a,x,a,xa,xa (x=senrima)

## Ĝis, ĝis, Mikrosofto!

—laŭ ĉinesko Chaitoufeng*

Libero
sur tero
mikrosofta vespero—
rezignu
kaj signu
adiaŭon!
Ni asignu
Gnu, Gnu, Gnu!

Prospero,
kohero,
ankoraŭ en utero
Disĉiplu
kaj kuplu
komputilon
Ĝin ni staplu
plu, plu, plu!

*Paĝo ĉe la projekto*

*Gnu:http://www.gnu.org/philosophy/free-sw.eo.html*

**Chaitoufeng (feniksa harpinglo): ĉina fiksforma poemo el du strofoj po ok versoj de 3,3,7; 3,3, 44, 1, 1*, 1* silaboj, kun rimaranĝo de aaa, bbxbBB kaj la lasta verso de strofo devas esti tri samaj silaboj.*

## Helena Tylipska (Italujo)

### Post Ŝtormo

—laŭ ĉinesko Jiangnanchun*

Ĉe l' kverko
centjara
karesas dorson
la vent' elmara.
La eta pluv' trankvilas,
ripozas greg' ŝafara.

### Matena roso

—laŭ ĉinesko Jiangnanchun*

L' obskuro
jam foras
Floran tapiŝon
la sun' koloras
Nokto perlojn disĵetis
cent floroj freŝe gloras

### Fablo

—laŭ ĉinesko Jiangnanchun*

La rano
kun lepor'
diskutis vigle
pri grava labor'
Fine ĝi plonĝis lagen
kaj leporo fuĝis for.

### La Vivo

—laŭ ĉinesko Jiangnanchun*

Ni spertis
hieraŭon
Ni iel vivas
nun hodiaŭon
Ĉu ni vidos serenan
de la nepoj morgaŭon?

**Jiangnanchun (printempo sude de rivero): ĉina fiksforma poemo el 6 versoj de 33,55,77 silaboj laŭ rimaranĝo xa,xa,xa (x=senrima)*

## Vejdo (Ĉinio)

### Omaĝe al Mia Patrino

**okaze de 90-jariĝo de mia patrino**

—laŭ ĉinesko Shuidiaogetou*

jam de knabeco
sub via favor'
mi kreskadas sane
en stud' kaj labor'
neniam forgesas
mi pri via amo
kun varmplena kor'
ĉe ĉiu loko
kaj necesa hor'

via am'
enorma
sen rankor'
enfiltriĝis
mian korpon de stupor'
mi tuj kuraĝiĝas
je plena energi'
el stagna langvor'
via amzorgo
ververa trezor'

**Shuidiaogetou (preludo de akva melodio): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun 9 kaj 10 versoj respektive de 55,65,665,55 / 333,47,665,55 silaboj laŭ rimaranĝo xa,xa,xxa,xa / xxa,xa,xxa,xa (x=senrima)*

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_


Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: No.-3-2 de la 5-a etaĝdomo de No. 19, Wujiang St., Jiangbei Distrikto, Chongqing, 400020, Ĉinio
Tel: (023) 67095890 (hejme)
Poŝtadreso: vejdo@163.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm aŭ http://gazetejo.org/eo/penseo


◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_